Jaro VI * N.° 62ª  Februaro * 1909

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

RAFAEL DUYOS

CIRILO AMORÓS, 28 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos



# MALNOVAJ PAĜOJ

## ADIAŬ REVOJ!

MONOLOGO DE «TROFIMOV», TRADUKITA DE «MARIA KAROVINA»

(*Bela tualetejo. La parolantino enkuras, tenante en la manoj skatoletojn, bombonujojn, bukedon, k. t. p. kriante post la kulisoj*). Mi dankas, kara, aminda patreto! Mi dankas! Kion vi diras? Ke mi ne devas ĝin perdi? Ne timu, ne timu, patreto, mi ĝin gardos kiel pupilon de okulo! Ne timu! (*Elirinte sur la scenon kaj sendante mankisojn al la kulisoj*). Fine mi estas kontentigita! Longan tempon mi deziris posedi centrublan bileton kun gajnoj, ja longe! Jen mi ĝin posedas! Hodiaŭ, en la tago de mia naskiĝo, la patreto donacis ĝin al mi. Oni devas ĝin kaŝi ie en sendanĝera loko. Ha! kie ĝi estas? kien mi ĝin metis? kredeble mi ĝin forlasis ie en tiuj ĉambroj. (*Longan tempon ŝi serĉas*). Jes, kredeble mi ĝin lasis ie! Mi kuru rapide! (*Ŝi ekkuras kaj rapide revenas*). Nenie ĝi estas! Kien mi ĝin metis? (*Ŝi serĉas en siaj poŝoj, disĵetante sur la plankon tuketon, vizitajn kartojn, leterojn, k. s.*) Nenie ĝi estas! Kion mi faros? (*Preskaŭ plorante*). Tiel longe mi deziris ĝin posedi, kaj ŝubite!... Kien mi ĝin metis? Ĉu mi ne envolvis ion en ĝin? Dio! En kio mi sendis bombonojn por mia kuzino? Mi ne havis skatoleton, tial mi envolvis ilin en paperon... Dio, ĉu efektive! (*Ŝi malfermas skatoletojn, disĵetante ĉion sur la plankon*). Nek tie ĉi, nek tie, nenie mi ĝin trovas. (*Subite ŝi komencas ridegi*). Jen estas! jen estas! Ho, kiel mi estas malsaĝa! Kiel mi ektimis! Mi mem ĝin metis sub mian zonon! (*Ŝi elprenas regnan bileton de interna prunto*). Jen ĝi estas! Mia kara, aminda! Kiel bela, kiel ĉarma vi estas! (*Ŝi ĝin kisas*). Kiel mi vin amas! Kaj se vi gajnos, mi vin amos ankoraŭ pli multe! Gajnu almenaŭ 5.000 rublojn! Ne! Kvin mil ne estas sufiĉe! Patreto diras, ke kvin mil ne estas mono. 10.000! Jes, dek mil estas bone! Kaj 25.000 pli bone kaj 75.000 ankoraŭ pli bone!... (*Silentas*). Kaj se la grandan gajnon de 200.000! Ho! (*Ŝi de ĝojo fermetas la okulojn kaj nur svingas per la manoj*). Kaj mi gajnos! (*Plaŭdante per la manoj*). Jes, mi gajnos! Jes, mi nepre gajnos. Kiel estos bone! Kiel gaje! (*Subite ŝi eksilentas*). Ne, tio ĉi ne estas bona! Mia frato diras, ke oni gajnas nur .. (*Ŝi apenaŭ ekparolas*) ke eĉ ekzistas proverbo: nur malsaĝuloj estas feliĉaj! Ne, mi ne bezonas!.. Aŭ ne, kial do? Kiu scios tion ĉi? Nur kelkaj el miaj konatoj, ne ĉiuj. Sur mia frunto ja ne estos skribite,

ke mi gajnis! Jes!... Kaj mi diros al ĉiuj, ke mi ricevis heredon post mia avino. Bonege! Belege! (*Denove ŝi kisas la bileton*). Gajnu, mia kara, gajnu! Ho, kiel mi vivus! Mi min montrus! Sukeraĵoj neniam mankus al mi! Vivu sukeraĵistoj! Aŭ ne! Kio estas sukeraĵoj! (*Forŝovante bombonujon*). Ĉu mi estas malgranda? Mi aĉetos ĉevalojn kaj kaleŝon, nepre kaleŝon! Ĉevalojn grizajn, kiuj ne povas stari trankvile sur unu loko! kaj en bona vetero mi veturus sur la ĉefa strato! Mi sidiĝus en tiela maniero kaj veturus. Kaj mi nepre sidiĝus en tiela maniero. (*Ŝi sidiĝas sur la sofon*). Mi ofte vidas iajn sinjorinojn, kiuj veturas en tia maniero! Ili metas ankoraŭ apartajn ĉapelojn, kaj iliaj vizaĝoj estas de stranga koloro... Kiuj ili estas, mi ne scias. Mi demandis mian fraton, kaj li diris, ke ili ne estas virinoj, eĉ ne estas homoj, nur simple pupoj. Ke ili veturas sur la stratoj intence, por sin reklami,—kaj poste li ridis. Mi nenion komprenas! Jes, en tia maniero mi agos! Kaj kian multon da fianĉoj mi havos! Militistoj kaj civilistoj! Kaj doktoroj!... Ne! Doktoron mi ne deziras. Li neniam estas hejme, kaj ĉiam li estas okupita kun mortintoj! Fi! (*Ŝi ektremas pretervole*). Li trovos ankoraŭ en mi ian malsanon kaj kuracos min ĝis morto. Ne, mi ne volas! Militiston mi ankaŭ ne bezonas. Li partoprenos en milito, oni lin mortigos, kaj mi restos vidvino. Estos bone, se tio ĉi okazos post dek jaroj, sed se en la daŭro de la unua jaro!... Estos pli bone, se mi elektos iun el la ambasado: ili ĉiuj estas tre delikataj! Ni vivos societe, ni invitos aristokratojn. Oni devas nur konduti pli serioze! Tio ĉi ne estas malfacila! Estas necese, ke la vizaĝo estu profundepensa kaj la manieroj retenaj. Jen! (*ŝi komencas iradi lerte kaj fiere*). Ambasadoro alvenis al mi kaj diras: «Sinjorino, ĉu mi povas havi la honoron valsi kun vi?» —«Volonte, sinjoro. (*Ŝi svingas la bileton, kunmetinte ĝin kiel ventumilon*). Ha, kiel tio ĉi estos gaja!... La edzo min amos, adoros! Mi min tenos grave, mia domo estos ekzemplo por la tuta urbo. Mi kapricos, kiom mi nur deziros! Kaj li devas elporti, ĉar mi estas bela, ĉiuj diras tion ĉi, ĉiuj! Ekzemple, li malfruiĝas al la tagmanĝo, mi lin atendas, mi maltrankviliĝas, mi koleras; fine li alveturas, mi ŝajnas kolera kaj sidiĝas tiele. (*Ŝi montras*). «Bonan tagon, Mario!» li diras, enirante. Mi deturnas min kaj nenion respondas. Li sidiĝas apud mi, mi min levas kaj iras sur alian lokon. (*Ŝi transiras*). «Kio do okazis?» li diras. Tiam mi komencas: «Ho, kiel mi estas malfeliĉa! Kaj tio ĉi okazis en la unua jaro de nia edziĝo, kio do estos poste! (*Ŝi ŝajnigas sin ploranta kaj viŝas la okulojn per la bileto*). «Kion do mi faris?» li demandas. Ĉe tiuj ĉi vortoj mi fariĝas kolerega. «Kion vi faris? vi demandas ankoraŭ? Mi devis vin atendi, resti maltrankvila, kaj vi demandas ankoraŭ! Bone! tre bone! Se mi devas treni tian vivon, diru simple ke—(*ŝi komencas ŝiri tuketon*) diru simple, malkaŝeme, ke mi ektedis al vi, ke vi fariĝis indiferenta al mi! (*Ŝi deŝiras senkonscie pecetojn de la bileto, kiun ŝi tenas en la manoj*). «Mario, trankviliĝu!» li ekkrias paliĝante. Mi ekkrias kaj svenas. (*Ŝi falas sur la kanapon kaj subite releviĝas*). Kaj se efektive mia edzo estos malhomo, malbonulo? Kion fari? Ho, tiam! Mi scias, kion mi faros! Mi mortigos min, lin kaj ŝin... En lia foresto mi ricevos leteron, adresitan al li, koverto bonodora, bela. (*Ŝi faldas la bileton, kiel koverton*). Mi ĝin malfermas, ĉar inter geedzoj sekretoj ne devas ekzisti, kaj subite... Ho kia teruro! Mi lin petas veni al kunveno! La sango rapide transverŝiĝas en miaj vejnoj, sed mi ne perdas la spiriton, kaj silente, malvarma, kvazaŭ monumento, malĝoja, kvazaŭ nubo, mi atendas lian revenon. Jen li venas. Kun brilantaj okuloj mi iras al li, kaj per voĉo tremanta mi diras: «Favora sinjoro, mi scias ĉion! Jen estas letero, kiu sciigis min pri ĉio! Jen estas pruvo de via terura konduto! Mi ĝin konservos... aŭ ne, ĝi bruligas la manojn, for, for!... (*Ŝi disŝiras la bileton kaj jetas ĝin en la kamenon*). Nun... (*konsiderinte sian agon*)... Kion mi faris? Kion mi faris? (*Ŝi kuras al la kameno, dezirante eltiri la bileton*) Mia bileto! Ĉevaloj, kaleŝo, ĉapeloj, edzo! Adiaŭ revoj! Jen la 200.000! Mi ne volas 200.000, almenaŭ 5.000! Patreto! Mia kara! pardonu! Neniam mi agos plu en tia maniero! Pardonu kaj aĉetu al mi alian bileton! (*Ŝi elkuras plorante*).

(El «Esperantisto» 15ª Septembro 1893).

# SONETO

(EL FÉLIX ARVERS)

**Al Kapitano V. Inglada**

En mia animo sekreto, en vivo mistero
Restadas, ĉar amo eterna min iam ekprenis.
Sed mi ne malkaŝis malsanon sen ia espero
Kaj la kaŭzintino ĉi tion neniam divenis.
Ho ve! nevidite en vivo mi apud ŝi venis
Kontakte, sed tamen nur sola kun mia sufero;
Kaj ĝis la vivfino mi iom post iom min trenis,
Nenion petante, nenion ĝuante sur tero.
Kaj kvankam ja Dio ŝin kreis por l' amo kaj sento,
Ŝi marŝas sen eta rigardo, sen eta atento
Por la ammurmuro al ŝi promesanta la ĝojon.
Ŝi ĉiam plej pie plenumos la devojn severajn
Kaj, tagon, legante ĉi tiujn amversojn suferajn:
«*Pri kiu virino?...*» ŝi diros sekvante la vojon.

Esperantigis D.ro G. PHILIPPET.

# Á nuestros lectores

La imposibilidad absoluta de reducir el número ó la extensión de las secciones de esta Revista, nos obliga á publicar la traducción de *El Nido Ajeno* en páginas adicionales; ésto, como es lógico, desnivelará aún más los platillos de nuestra balanza financiera. Perdonen nuestros lectores, si aprovechamos esta ocasión para dirigirles una súplica.

Suponemos ocioso recomendarles la divulgación y propaganda de LA SUNO HISPANA; pero, además de esto, si hay alguno que pueda voluntariamente contribuir con alguna cantidad, por módica que sea, á salvar nuestro *déficit*, nosotros quedaremos profundamente reconocidos al que, de modo tan eficaz, venga en nuestra ayuda. No importa que la cantidad sea pequeña, basta con incluir unos cuantos sellos en un sobre. Los nombres de los donantes, salvo advertencia en contrario, no han de publicarse en nuestras páginas, pero sí las cantidades recaudadas.

Ahora un ruego á los Grupos esperantistas de España. La divulgación del Esperanto en nuestra patria, no repercute proporcionalmente en la lista de nuestros suscriptores; precisamente en las poblaciones donde hay Grupo próspero con gran número de socios, es donde menos suscriptores tenemos, y esto se comprende por la facilidad de leer nuestra Revista en la casa social. No lo censuramos porque cometeríamos notoria injusticia, pero estos Grupos que tienen en LA SUNO HISPANA un órgano de propaganda y publicidad, tal vez podrían sin gran sacrificio ni esfuerzo, designar una pequeña subvención que contribuyera á nivelar nuestros gastos é ingresos y aun hacer factible alguna de las mejoras materiales que en proyecto tenemos.

Si nuestra súplica no diera el resultado apetecido, buscaríamos por otro camino la solución de problema tan enojoso.

# VINTRA TAGO

Vintra tago; la neĝo
Falas neĝere,
Kaj de l' vento la preĝo
Siblas ekstere;
En la salono
Regas densa mallumo,
Tomba nesono.
Mi senmove rigardas
Apud kameno
Kiel ludas kaj ardas
Ruĝa flamĉeno;
Batas ajn horo,
Ankaŭ en mia brusto
Batas la koro.
Mian sangon, mi, plaŭdi
Sentas malĝoje,
Ho se povus ŝi aŭdi
Ĝin unufoje!
Al ŝi ĝi dirus,
Ke mi mortas, kaj ŝian
Koron disŝirus.
Sed ŝi min ne kompatas,
Kaj l' amoplendon
Ŝi eterne malŝatas
Kvazaŭ ofendon.
Ĉarma virino
Kiel pro vi ŝanĝiĝis
Mia destino!
Ho! foriru, esperoj,
El mi por ĉiam;
Al mi plaĉas suferoj,
Ĝojoj neniam.
Ne plu la larmojn
Viŝu mi, por ne vidi
Ŝiajn belĉarmojn.
Dume blanka la neĝo
Falas neĝere,
Kaj del' vento la preĝo
Siblas ekstere;
En la salono
Regas densa mallumo,
Tomba nesono.

Originale verkis,
JULIO MORATÓ.
Leŭtenanto de Artilerio.

# Gazetara Statistiko

Dum la 1907$^a$ jaro estis ricevataj en nia Redakcio 44 diversaj gazetoj esperantaj. Dum la 1908$^a$ jaro ni ricevis 80, preskaŭ la duoblon!

Jen iliaj titoloj:

«La Revuo», «L' Etoile Espérantiste», «Germana Esperanto Gazeto», «The British Esperantist», «La Belga Sonorilo», «Stelo Kataluna», «Germana Esperantisto», «Amerika Esperantisto», «The American Esperanto Journal», «La Alĝeria Informilo», «Esperanto», «La Suno Hispana», «Espero Katolika», «Lingvo Internacia», «La Esperanta Instruisto», «Tutmonda Espero», «Svisa Espero», «Internacia Socia Revuo», «Eĥo Esperantista», «Amsterdama Pioniro», «La Verda Standardo», «Tra la Mondo», «L' Esperantiste», «Esperantisten», «La Saksa Esperantisto», «Ĉasopis Ceskych Esperantistu», «Pola Esperantisto», «Filipina Esperantisto», «Roma Esperantisto», «Paris-Esperanto», «Verda Stelo», «Juna Esperantisto», «Dana Esperantisto», «Lumo», «Voĉo de Kuracistoj», «Ruslanda Esperantisto», «Sarta Stelo», «Meksika Revuo», «Afrika Esperantisto», «Flugila Stelo», «Japana Esperantisto», «Finna Esperantisto», «Espero», «Rumena Gazeto Esperantista», «Progreso», «Espero Pacifista», «Esperanta Internacia Revuo», «La Unuiĝo de l' Bibliofiloj», «Rumana Esperantisto», «Antaŭen Esperantistoj!», «Sciiganto», «The Esperanto News», «Eŭropa Kristana Celado», «La Du Steloj», «Tra la Filatelio», «Oficiala Gazeto Esperantista», «La Spritulo», «K T P», «The Australian Esperantist», «Brazila Revuo Esperantista»,

«Hispana Revuo», «Bilbao Esperantista», «The Esperanto Student», «Esperanta Gazeto», «L' Informilo», «Informaj Raportoj», «Ĉilo Esperantista», «La Holanda Pioniro», «Brazila Esperantisto», «Polica Revuo», «La Espero», «Normanda Stelo», «Bohema Esperantisto», «Samideano Ĉiumonata», «Franca Esperantisto», «Internacia Pedagogia Revuo», «Belga Esperantisto», «Notizie Esperantiste», «Le Monde Esperantiste» kaj «La Esperantisto».

—Ni devas rimarkigi ke ni ne ricevis ĉiujn esperantajn gazetojn elirantajn dum la pasinta jaro. Jen la titoloj de la nericevitaj:

«Bulteno de Libera Penso», «La Esperanta Kolektanto», «Esperanta Ligilo», «Dia Regno», «Frateco», «Internacia Scienca Revuo», «La Londona Gazeto», «Esperantaj Skribaĵoj», «Estlanda Esperantisto», «Lorena Esperantisto», «Norda Gazeto», «Stelo de la Oriento» kaj «La Bela Mondo».

Sekve, kalkulante tiujn ĉi, la nombro de esperantaj gazetoj *duobliĝis* dum la 1908ª jaro!

---

—Jen la novaj gazetoj aperantaj dum la lasta 1908ª kvaronjaro:

«La Holanda Pioniro», (3 fr., 15), 3 fr., 75.—Binnen Bautammerstraat, 11. *Amsterdam.*—Holando.

«Normanda Stelo», (1 fr.), 2 fr., 50.—41, rue de la Vicomte. *Rouen.*—Francujo.

«Bohema Esperantisto», 4 fr., 25.—Red., Praha III, 495 (J. Iglaner.) Adm., en *Jeviĉko.*—Austrio-Moravio.

«Samideano Ĉiumonata», 2 fr.—33, Abekawa-Machi. *Asakusa.*—Tokio-Japanujo.

«Franca Esperantisto», (3 fr.), 4 fr.—46, Voulevard Magenta. *Paris.*—Francujo.

«Internacia Pedagogia Revuo», 3 fr. 75.—en *Bystrice-Hostyn.*—Austrio, Moravio.

«Belga Esperantisto», (4 fr.), 4 fr., 50.—20, Vondelstraat. *Antwerpen.*—Belgujo.

«Notizie Esperantiste». Via S. Agostino, 6. *Palermo.*—Italujo.

«Le Monde Esperantiste», (1 fr., 25), 2 fr.—3, rue Sophie-Germain. *Paris.*—Francujo.

«La Esperantisto», 3 fr., 50.—Carolinestr, 12. *Leipzig.*—Germanujo.

A. N.

# SONETO

Ne min tiras vin ami, mia Dio,
La de vi ravĉielo promesita,
Nek la terurinfer' tiel timita
Min tiras ne ofendi vin pri io.
Nur min tiras vi mem, via vizio,
Vidi vin malŝatege krucumita,
Tiras min via korpo travundita
Tiras min via mort' kaj kalumnio.
Tiel min tiras, fine, via amo
Ke mi vin amus ja eĉ sen ĉielo
Kaj sen infer' mi timus per la samo.
Vi ne devas min pagi pro fidelo,
Ĉar se eĉ mia fid' tute ne flamus,
Kiel nun mi vin amas, mi vin amus.

El la hispana lingvo tradukis,
VICENTE INGLADA.

# La PerfeKta Edzino

*Klasika hispana verko de Fray Luis de León, tradukita de Esperantisto n.° 10.072 (Augusto Jimenez Loira).—Prezo: 2 pesetoj.—Ĉe* La Suno Hispana.

Jen nova verko, kiu baldaŭ okupos honoran lokon en ĉiu biblioteko esperantista; la tradukinto, kiu jam estas ĉe ni tre famkonata per *Verba amuzaĵo*, *Cent dektri humoraĵoj* kaj *Provo de esperanta nomigado de personaj nomoj*, estas lertega esperantverkisto, kaj li sukcese venkis ĉiujn malfacilaĵojn, kiujn enhavas klasika verko por bona traduko. La verko, 130- paĝa, enhavas ankaŭ legindan biografion de monano Ludoviko de León, kun lia portreto. La unua eldono, en hispana lingvo, aperis en la jaro 1583, kaj per ĝi, la autoro liveris kvazaŭ gvidilon por la edzineca vivo al ĵus edzinigita virino.

La verko estas vere rekomendinda kaj ni esperas, ke la unua eldono rapide elvendiĝos.

# Memorindaj datrevenoj de Februaro

1.—1208. Naskiĝas en Montpellier la reĝo Jaimo I-a.

2.—1852. La pastro Merino atencas kontraŭ la vivo de la hispana reĝino Isabelo II-a.

3.—1802. Mortas la famkonata grafo Campomanes.

4.—1890. Mortas subite la grafo de Montpensier.

5.—1887. Unua prezentado de la opero «Otello» de Verdi, en Milano.

6.—1862. Mortas en Madrido Francisko Martinez de la Rosa, konata poeto kaj politikulo.

7.—1878. Mortas la papo Pio IX-a.

8.—1873. Amadeo I-a eksiĝas de la hispana regado.

9.—1897. Mortas la hispana pentristo Ludoviko Madrazo.

10.—1473. Naskiĝas la astronomo Nikolao Copernico.

11.—1873. La hispana deputataro proklamas la Respublikon.

12.—1901. Mortas en Madrido la fama poeto Campoamor.

13.—1668. Traktaĵo de Lisabono inter Hispanujo kaj Portugalujo.

14. 1837. La fama poeto Josefo Zorrilla 18-jara publikigas la elegion al la morto de la kritikisto Larra (Fígaro).

15.—1883. Mortas en Venezio la glora muzikverkisto Rikardo Wagner.

16.—1815. Naskiĝas la famkonata hispana aktoro Juliano Romea.

17.—1856. Mortas la germana poeto Henriko Heine.

18.—1587. Estas ekzekutata Mario Stuardo, reĝino de Skotujo.

19.—1874. Mortas en Hyéres, Michelet, aŭtoro de la «Historio de Francujo», «Biblio de la Homaro», k. c.

20.—1854.—Militista ribelo en Zaragozo (Hispanujo).

21.—1809. Eniras en Zaragozon (Hispanujo) la Franca militistaro.

22.—1788. Naskiĝas en Dantzig Arturo Schopenhauer, filozofo pesimista kaj akra.

23.—1887. Terura tertremo en Nizo.

24.—1468. Mortas Guttemberg, elpensinto de la presarto.

25.—1810. La franca generalo Suchet alvenas Teruelon por almiliti Valencion (Hispanujo).
26.—1802. Naskiĝas en Besançon la famkonata poeto Viktoro Hugo.
27.—1861. Inaŭguracio por la publiko en Parizo de la elektra telegrafo.
28.—1869. Mortas la glora poeto, historiisto kaj politikulo A. de Lamartine.

Kolektis kaj tradukis.
ESP ISTO 17.206.

# Sciigoj

## EL HISPANUJO

Jen la direktaj komitatoj elektitaj de kelkaj Grupoj:

## DE ESPAÑA

He aquí las juntas directivas elegidas por algunos Grupos:

**Grupo «Laboro Esperanta» de Villanueva y Geltrú.**—Presidente honorario: Doctor L. Zamenhof.—Presidente efectivo: D. Francisco Mestres.—Secretaria: D.ª Teresa Rosell.—Secretario: D. Juan Orriols.—Cajero: D. José García.—Bibliotecario: D. José Escofet.—Vocales: D. Pedro Colomer, D. J. Vadell y D. Angel Capitán.

**Grupo de San Sebastián.**—Presidente: D. Alberto Velasco.—Vicepresidente: don Angel Digón.—Cajero-secretario: D. Clemente Alfaro.—Bibliotecario: D. Pablo Sanromá.—Vocales: D.ª Antonia de Digón, D. Antonio Tuduri, D. Blas Gómez y don Florencio Galilea.—Delegitoj de la Universala Esperanto-Asocio: D. Angel Digón y D. Antonio Tuduri.

**Grupo «Pacaj Batalantoj» de Castellar del Vallés.** —Presidentes honorarios: Doctor L. Zamenhof y Rvdo. P. Juan Muixi.—Presidente efectivo: Dr. D. Amadeo Casanovas.—Vicepresidente: Rvdo. P. Juan Abarcat.—Secretario: D. Ramón Galcerán.—Depositario y Bibliotecario: D. Juan Romeu.—Vocales: D. Juan Sampere y D. Antonio Tort.

**Grupo «Frateco» de Zaragoza.**—Presidente: D. Agustín de Montagut.—Vicepresidente: D. Emilio Gastón.—Secretario: D. Emilio Artigas.—Vicesecretario: D. Luis Jordana.—Cajero: D. Román Estrada.—Vicecajero: D. Rafael Benitez.—Vocales: doña Asunción Romeo, D. Juan Antonio Martínez, D. Alfonso González y D. Miguel Sancho.

**Grupo de Bilbao.**—Presidente: D. José Velasco Ealo.—Vicepresidente: D. Luz Salazar.—Secretario: D. José López Beraza.—Vocales: D.ª Felisa López, D. Joaquín Rius y D. F. Zarzosa.—Cajero: D. Félix Díez..

**Grupo de Sabadell.**—Presidente: D. Pedro Oriach.—Vicepresidente: D. Francisco Montsech.—Secretario: D. José Xercavins.—Cajero: D. José Ferrer.—Bibliotecario: D. Pedro Sallares.—Vocales: D. Isidoro Roig, D. Juan Vilardell y D. José Cervos.

La Reprezentantaro de la Universala Esperanta Asocio en Bilbao estas la jena: Delegitoj: S.roj Victor O. de Allende kaj Isauro Alvarez.—Konsulo por ĝeneralaj informoj: S.ro José López Beraza.—Konsulo por Komerco kaj industrio: S.ro José Velasco Ealo.—Konsulo por junuloj: S.ro Félix Diez.—Konsulino por virinoj: S.ino Victor O. de Allende.—Esperanta-Oficejo (Oficejestro): S.ro Manuel Fuentes, librovendisto, Bidebarrieta, 9.

Los representantes de la Universala Esperanto-Asocio en Bilbao, son los siguientes: Delegados: D. Victor O. de Allende y D. Iranzo Alvarez.—Cónsul para informes generales: D. José López Beraza.—Cónsul para industria y comercio: D. José Velasco Ealo.—Cónsul para jóvenes: D. Félix Diez.—Cónsul para señoras: Señora de D. Victor O. de Allende.—Oficina esperanta (Jefe): D. Manuel Fuentes, librero, Bidebarrieta, 9.

En la regiono de Bilbao ekzistas la jenaj subdelegitoj de la U. E. A.—S.ro Jorge S. de Hita, en La Arboleda.—S.ro Luis Aránaga en Baracaldo.—S.ro Francisco Vallejo, en Portugalete. — S.ro Ramón Berdonces, en Santurce.—S.ro Florencio Esquivela, en Sestao.

En la komenco de tiu monato fondiĝis novaj kursoj de Esperanto en Sestao, kiuj estas akurate profitataj de multaj novaj lernantoj.—En Santurce funkcias ĉiutage grava kurso, kiu havas gravan nombron da gelernantoj kaj en Bilbao nova serio da kursoj komencos tre baldaŭ.

La dimanĉon, 17an de Januaro, komisiistaro el samideanoj de Baracaldo, en la nomo de la Grupo de tiu industria urbeto, venis Bilbaon por saluti sian malnovan profesoron de Esperanto, S.ron José Rodriguez Santúa. La komisiistoj prezentis al sia eksinstruanto riĉan donacon, konsistantan el ora pendaĵo por ĉeno de poŝhorloĝo kun gravuritaj amikaj dediĉvortoj, kiel pruvo de dankemeco al S.ro Rodriguez. Post la liverado de tiu donaco, ĉiuj kune ĝoje festis ĝin per intima «lunch».

De nun, ĉiujn dimanĉojn matene kunvenos en la ĉambro de la Grupo de Bilbao samideanoj de la tuta provinco por reciproke interparoli kaj praktikigi Esperanton Okazonte tiun jaron la Va Kongreso de Esperanto en Hispanujo, ĉiuj deziras multe progresadi por tiu solena dato.

En Mahon oni klarigas nun du kursojn; unu en la *Mahona Ateneo*, kie loĝas la Grupo; alia en la *Popola Ateneo*, kies profesoro estas S.ro Bartolomé Pons Aragonés.

S.ro Federico García Díaz estas nomita Konsulo-delegito de la U. E. A. en Medina del Campo (Valladolid).

En la vaskaj provincoj ĉiutage la morado esperantista pligrandiĝas kaj urbo Vitoria enhavas kelkajn el la ĵus fonditaj grupoj tre entuziasmaj por la helpa lingvo. En tiu ĉi urbo oni jam elektis subdelegiton, kiu estas S.ro Virgilio Moreno.

En la región bilbaína existen los siguientes subdelegados de la U. E. A.—D. Jorge S. de Hita, en La Arboleda.—D. Luis Aránaga, en Baracaldo.—Don Francisco Vallejo, en Portugalete.—Don Ramón Berdonces, en Santurce.—Don Florencio Esquivela, en Sestao.

A primeros de mes se abrieron nuevos cursos de Esperanto en Sestao, que son puntualmente aprovechados por muchos nuevos alumnos.—En Santurce funciona diariamente un curso importante que tiene un gran número de alumnos de ambos sexos, y en Bilbao se empezará muy pronto una nueva serie de cursos.

El domingo 17 de Enero, una comisión de samideanos de Baracaldo, en nombre del Grupo de aquella población industrial, fué á Bilbao para saludar á su antiguo profesor de Esperanto, D. José Rodríguez Santúa. Los comisionados ofrecieron á su exprofesor un rico obsequio que consiste en un colgante de oro para cadena de reloj con amistosa dedicatoria, como prueba de agradecimiento al señor Rodríguez. Después de la entrega del regalo, todos reunidos le festejaron alegremente en un «lunch» íntimo.

Desde ahora, todos los domingos por la mañana se reunirán en el local del Grupo de Bilbao los semideanos de toda la provincia para conversar entre sí y practicar el Esperanto. Habiendo de celebrarse este año el V Congreso de Esperanto en España, todos desean progresar mucho para aquella fecha solemne.

En Mahón se dan actualmente dos cursos; uno en el *Ateneo de Mahón*, donde reside el Grupo; el otro en el *Ateneo Popular*, cuyo profesor es D. Bartolomé Pons Aragonés.

D. Federico García Díaz ha sido nombrado Cónsul-delegado de la U. E. A. en Medina del Campo (Valladolid).

En las provincias vascongadas aumenta de día en día el movimiento esperantista, y la ciudad de Vitoria tiene algunos de los grupos recién fundados muy entusiastas por la lengua internacional. En esta ciudad se ha nombrado ya sub-delegado, que es D. Virgilio Moreno.

leviĝis kaj tuj alportu la tagmanĝon. (*Juljano eliras. Al Emiliino*). Ĉu vi volas kunmanĝi?

EMIL. Ne mi foriras kurante. Bone iradus mia hejmo, se mi malestus! Mi venis inviti vin al la teatro. Ni havas loĝion por la hodiaŭa unuafoja prezentado.

MAR. Mi ne scias, ĉu Jozef-Ludoviko volos, ke ni iru... Mi jam sciigos vin.

## SCENO III

LA SAMAJ *kaj* JOZEF-LUDOVIKO

JOZ. Tre bonan tagon.

EMIL. Vi alvenas ĝustatempe.

JOZ. (*Sidiĝante je la tablo*). Mi iom malfruiĝis. Ĉu vi volas tagmanĝi?

EMIL. Jesuo! Ĝi ne malvarmiĝu! Estas ĝuste la dekunua. Mi volis diri, ke vi alvenas ĝustatempe por akcepti inviton por la hodiaŭa unuafoja teatrludaĵo. Mario ne kuraĝas doni al mi sian akceptvorton, ne kalkulinte kun vi.

JOZ. Kiu ajn diros, ke mi estas tirano.

EMIL. Vi ne estas tirano. Neniu diras tion. Sed Mario estas ekzempla edzino kaj tre bone plenumas tiujn detalaĵojn de la edziĝepistolo, kiujn ne ĉiuj akurate respektas... «La edzino ne eliros el hejmo sen permeso de sia edzo.»

JOZ. (*Al Mario.*) Ĉu vi volas iri?

MAR. Se vi venas...

JOZ. Mi ne estas sana. Hodiaŭ min frapis galatako.

MAR. Ni, do, restos hejme. *(Al Emiliino)*. Vi jam ĝin aŭdis.

EMIL. Nu, oni devas animiĝi. Se vi ne helpas vin distri... Oni diras, ke la hodiaŭvespera komedio estas belega. La teatro estos vidinda... Kompreneble, mi ankaŭ invitas vian fraton, kvankam mi ne havas la plezuron lin koni, kaj akceptu mian gratulon por lia feliĉa alveno. Vi ja dezirus lin revidi.. Ĉu li estas la sola frato, kiun vi havas?

JOZ. La sola. Ni estis kvar; nur restas la lastenaskita, Emanuelo, kaj mi, la unuenaskita. Nur Emanuelo estis sana kaj fortika en la familio. Ĉu li ankoraŭ ne ellitiĝis?

MAR. Mi jam diris, ke oni lin avizu.

JOZ. Kutiminte vivi sola, li ne alkonformiĝas al la familia vivado. Ĉiam li estis tre senmetodviva... Se li malfruas, ni tagmanĝos. Li ja scias, kiom mi ŝatas la akuratecon. La senordeco en manĝoj min mortigas.

MAR. (*Sonorigas*). Ni tagmanĝu. (*Al Juljano, kiu eniras*). La tagmanĝon.

JUL. Sinjoro Emanuelo tuj venos. *(Li eliras pretigi la tablon)*.

EMIL. Mi foriras... Ni, do, kalkulas sur vin?

MAR. Ne, vi jam vidas, ke Jozef-Ludoviko ne sanas. Atendu momenton, vi ekkonos lian fraton.

EMIL. Mi sentas scivolon... Mi ne estas tre prezentinda, mi eliris senceremonie vestita.

MAR. Vi estas intimulino.

JOZ. Donu al mi la magnezaĵon.

MAR. (*Alportante boteleton el la telermeblo.*) Prenu... (*Preparas la ŝaŭmotrinkaĵon*). Sed, ĉu vere vi ne estas sana?

JOZ. (*Malbonhumore*). Vere! Vi eble kredas, ke mia malsano estas, kiel viaj hemikranioj.. Mi estas tre malsana.

EMIL. Vi tro laboradas. Ĝi estas mia insistecelo pri Ferdinando... Ferdinando estas fortika, sed la avideco pri negocoj, la borso, la Deputatarejo... tio estas senhaltado dum la tuta tago... Almenaŭ li havas kvar gefilojn por kiuj zorgi... sed vi, sola kun via edzineto... Vi ja devus forlasi la negocojn, ripozadi, vin flegadi, multe amuziĝadi, ĉar la vivo estas mallonga.

MAR. (*Proponante al li la pokalon*). Ĉu ĝi estas taŭgarانĝita? Ĉu pli da sukero?

JOZ. (*Kolere*). Mi jam ne scias, kion fari, nek kion trinki. Estas malesperige!

MAR. (*Ameme*). Nu, havu paciencon. Hodiaŭ vi ne eliros el domo.

JOZ. Jes, ĝuste. Malmulte mi havas por fari!

MAR. Lasu ĝin por alia tago.

JOZ. Ĉu vi kredas, ke miaj aferoj estas tiaj, kiel la viaj?... Vizitoj kaj aĉetoj same fareblaj en kiu ajn horo de kiu ajn tago.

MAR. (*Kun amema riproĉeto kaj volante lin rimarkigi pri la ĉeesto de Emiliino*). Vi ja famiĝos pro malmilda karaktero.

EMIL. (*Komprenis kaj volas lertkaŝi*). Kiam oni estas malsana, ĉio malplaĉas. Estas nature.

## SCENO IV

LA SAMAJ *kaj* EMANUELO

EMAN. Saluton, gefratoj! (*Vidante Emiliinon*). Sinjorino...

MAR. (*Prezentante unu al la alia*). Mia bofrato Emanuelo... Sinjorino Ordoñez, ĉiama amikino mia...

EMIL. Tre plezure! (*Aparte al Mario*). Li estas tre simpatia.

JUL. (*Alportante la tagmanĝon*). La tagmanĝo.

EMIL. (*Adiaŭdirante*). Ni jam havos la plezuron vin vidi ĉe ni. Sciu, ke vi kalkulas sur novajn geamikojn. (*Al Jozef-Ludoviko*). Vi plibonfartu. (*Al Mario, ŝin kisante*). Adiaŭ, plejkara, ne forgesu iri al mi. (*Eliras*).

## SCENO V

MARIO, JOZEF-LUDOVIKO *kaj* EMANUELO, *sidantaj*. LUDOVIKINO *kaj* JULJANO *servas la tagmanĝon*

JOZ. Dank' al Dio! Mi kredis, ke ni ne tagmanĝos.

EMAN. Ĉu vi ne estis komencintaj pro la vizito aŭ min atendante?

MAR. Pro la vizito. (*Al Jozef-Ludoviko vidante, ke li ne prenas por manĝi*). Ĉu vi ne volas ĝin manĝi?

JOZ. Ne. Ĝi estas tre malfacile digestebla. Mi ne kuraĝas.

MAR. Ĉu vi volas aliaĵon? Ĉu ovon en akvo varmigitan? Cu fritsoleaĵon? Kial vi ne diras, kion vi volas? (*Al Emanuelo*). Ĉu vi vidas, kia strangeco? Oni devas diveni liajn pensojn.

EMAN. Mi konas la sistemon. Vi pasigos la tagon rigardante lin en la vizaĝon por kompreni kion li deziras. Vi certe estas pri fizionomio pli kutimlerta, ol Lavater mem.

JOZ. (*Malpiaĉigita*). Kiam oni estas malsana kaj, sekve, malbonhumora, mi kredas pli saĝe, ne paroli, ol diri malagrablaĵojn.

MAR. Multafoje ne estus grave al mi, aŭdi de vi ian malagrablaĵon, se nur mi vin komprenus... Vi estas prava, Emanuelo... ĉiam mi rigardas en lian vizaĝon por diveni al li la pensojn... Sed mi estas tiel malleĭta... aŭ li tiel malmulte klaresprima, ke malofte mi trafas.

JOZ. Mi, do, malmulte parolas?... La plej elokventaj interne, ofte estas la plej silentaj, la malplej klaresprimaj... kiel vi diras. Kiuj malmulte pensas, tiuj plej parolas. Ĉar iliaj ideoj estas malmultaj, ili baldaŭ ilin elirigas, kun mirinda flueco... Estas nature! Du aŭ tri personoj, solaj, pli facile pasas tra pordo, ol amaso kunpuŝiĝanta.

EMAN. Ĉu tio estas min riproĉnomi parolema? Eble mi estas, ĉar mi pensas malpli ol vi tion, kion mi diras... Sed mi sentas... Kaj kiam mi sentas ion, mi devas ĝin diri... eĉ se ĝi estas malsaĝaĵo aŭ malagrablaĵo.

MAR. (*Al Jozef-Ludoviko*). Ankaŭ el tio ĉi vi ne manĝas?

JOZ. Mi ne havas apetiton. Kio venas poste?

